


# INTERNACIA FERVOJISTO

2001 . 4



*Honora prezidanto Giessner kun D-ro Petro Chrdle*

Okaze de la nelonge forpasinta "Tago de la Patrino", jen poema kontribuaĵo de Manfredo Ratislavo el Germanio.
Esperantigo de la poemo **"An meine Mutter"** de Annette von Droste-Hülshoff.

## Al mia patrino

Poemon belan emus fari mi
Pri via am' kaj fideleco via
Volonte vekus mi talenton ĉi
Por glori vin per io poezia.

Sed kiom ankaŭ pripensadis mi
Kaj kiom ankaŭ mi la rimojn metis,
De l' koro ondoj fluis super ĝi,
La artan konstruaĵon teren ĵetis.

Nun prenu tiun simplan donon ĉi,
Ĉi tiujn simplajn vortojn senornamajn.
Animon mian tutan donas mi
Kaj kune ĉiujn miajn sentojn amajn.

*Verkita de la poetino Fondrostehujlshofo, Anetino (1797 - 1848).*
*Esperantigis : Manfredo Ratislavo en Decembro de 1994*
*laŭ la origina germanlingva teksto.*

***En la jubilea festo de nia Honora prezidanto, per floroj d-ro Petro Chrdle omaĝas al estimata s-ro Joachim Giessner.***

# Enhavo

# Raporto pri la 53-a kongreso de IFEF en Tábor

## Brila IFEF-kongreso en Ĉeĥio

En Tábor, bela urbo de suda Bohemio, plena je multaj historiaj vidindaĵoj, kunvenis 194 partoprenintoj el 18 landoj, por praktiki Esperanton dum la 53-a IFEF-kongreso.

***Sabate la 12-an de majo***

Akcepto okazis la tutan tagon. Ekde la eltrajniĝo, ĉiuj kongresanoj, helpataj de lokaj esperantistoj, direktiĝis al akcepto-salono por ricevi siajn kongresajn materialojn. Post iom da ripozo, ĉiuj kunvenis en la kongresejo por gaje saluti siajn geamikojn okaze de la 'Interkona vespero".

***Dimanĉe la 13-an de majo***

Antaŭtagmeze okazis la solena inaŭguro de la kongreso en la urba teatro de Oskar Nedbal.



*Oficialuloj dum silentminuto*

Post kutimaj, bonvenigaj salutparoladoj de la oficialuloj kaj de la delegitoj, D-ro Bolognesi deklaris malfermita la 53-an IFK-on.

Sekvis honoriga parto de la inaŭguro dum kiu estis nomumitaj novaj honoraj membroj de IFEF :

- Ernst Glättli el Svisio
- Heinz-Dieter Hartig el Germanio
- Henning Hauge el Danio.





*S-ro Henning Hauge (sur maldekstra bildo) kaj s-ro Ernst Glättli ricevas IFEF- honoran membrecon de d-ro Bolognesi*

La reprezentantoj de la Ĉeĥaj Fervojoj kaj Landa Asocio de la FISAIC ČD publike gratulis honoran prezidanton de IFEF Joachim Giessner, posedantan la Meritkrucon de la Federacia Respubliko de Germanio. Li ankaŭ estas h.m. de UEA, h.m. deFISAIC, Honora prezidanto de IFEF, GEFA-prezidanto de EK Ústi nad Labem, pro lia admirinda jubileo nome la 50-a sinsekva partopreno okaze de IFEF-kongreso.

En tiu dimanĉo la kongresanoj eblis ĉeesti la katolikan meson aŭ la ekumenan diservon. Tiu lasta okazis en la preĝejo de Diaj Batalantoj apartenanta al la Ĉeĥoslovaka Husana Eklezio.

Post la Diservo, plejparto de pli ol cent partoprenintoj vizitis la duan plej grandan enĉambran kolumbarion en Ĉeĥio, kiu troviĝas en la suba parto de la preĝejo.



*Jan Niemann*

***Faka kunveno***

Per salutvortoj malfermis ĝin ĝia gvidanto s-ro Jan Niemann. Komence li gratulis

s-ron Glättli okaze de lia grava honorigo.

Poste, transprenis la vorton s-ro inĝ. Werner, nia longdaŭra kunlaboranto, kiu prezentis interesan prelegon *"Klasifiko en terminologia procedo"*. Sekvis raporto pri agado de Fake Aplika sekcio prezentita de s-ro inĝ. Kovář. La raporton kompletigis s-ro Olsen per informo pri fake aplika agado en Danlando. S-ro Hoffmann, la gvidanto de Terminara Sekcio de Faka Komisiono, prezentis sian raporton pri agado sur terminara kampo.

Vespere, en la urba teatro, la kongresanoj ĝuis belan artan koncerton. Eksonis kantoj de ĉeĥaj kaj mondaj majstroj en esperanta traduko de Joachim Giessner, honora prezidanto de IFEF.

***Lunde la 14-an de majo***

Matene, laboris la landaj delegitoj ene de la nepublika laborkunsido

Posttagmeze okazis piedpromenado tra pitoreskaj stratetoj en Tábor ĝis la proksima monaĥejo en la urboparto "Klokoty".

Vespere, omaĝe al Joachim Giessner, proksime 80 geamikoj de nia estimata honora prezidanto festis kun li belegan jubileon : la 50-an partoprenon en IFEF-kongresoj sen ajna interrompo ! La manĝo okazis en la arbara restoracio Pintovka.

Komence, Romano Bolognesi, la prezidanto de IFEF, honorigis la jubileulon per speciala diplomo kaj Petr Chrdle, la LKK-prezidanto, transdonis florojn nome de ĉiuj partoprenantoj de la ceremonio.

***Marde la 15-an de majo***

Matene la plenkunsido disvolviĝis en nekutima maniero, ĉar okazis estrarelekto dum kiu IFEF ekhavis novan sekretarion nome Maricá BRLETIĆ.



*Maricá Brletić*

*Jen la nuntempa IFEF-estraro*

Prezidanto : D-ro Romano Bolognesi
Vicprezidanto : S-ro inĝ. István Gulyás
Sekretario : Maricá Brletić
Kasisto : Henning Hauge (portempa)
Redaktoro : Jean Ripoche

Ĉiuj prezentitaj raportoj estis aprobitaj. Por venontjare la urbo Plovdiv en Bulgario estas akceptita kiel loko de la 54-a IFEF-kongreso.

Postkongresa aranĝo okazos en urbo Nesebar borde de la Nigra Maro.

Posttagmeze la interesuloj kuniĝis por sperti kaj spekti la ĉefan prelegon pri "Moderna sekuriga kaj komunika tekniko de la ĉeĥaj fervojoj" fare de inĝ Kovář Ladislav.



*Inĝ Kovář*

Spekti, jes, ĉar la plej moderna aparato estis uzata por ilustri sur ekrano la detalojn de la priparolitaj sekurigaj kaj komunikaj sistemoj ĉe ČD.

La preleganto des pli bone kapablis klarigi, ĉar lia firmao liveras parton de la sistemoj, kiuj perkomputile ne nur sekurigas la vivon de la vojaĝantoj, sed ankaŭ ŝparas personaron pro la eblo teleregi plurajn staciojn de centra loko. Kvankam teknike je alta nivelo, la prelego kaptis la atenton de pluraj kaj ĝi estas valora kontribuo al la faka literaturo de nia lingvo.

Vespere, kongresanoj, kiuj decidis partopreni la bankedon kolektiĝis en granda salono kaj sidis ĉe la feste aranĝitaj tabloj. La bankedon malfermis per komuna tosto Romano Bolognesi, prezidanto de IFEF. La sekvanta kongresa balo, kiun ankaŭ partoprenis aliaj kongresanoj, estis gaja kaj ĝojiga jam dekomence dank'al la ensemblo Keramička. Ne nur en Ĉeĥio fame konata, ĝi prezentiĝis en la tipaj sudbohemiaj popolkostumoj. Ĝi prezentis kantojn ankaŭ de Moravio, kiuj plejparte temis pri bongusta moravia vino.



*Dancemuloj dum balo*

Bona muziko kaj kantoj naskis bonan etoson kaj amuziĝis multaj dancemuloj ĝis noktomezo. Certe la muziko al

multaj ankoraŭ sonis en la oreloj ĝis la endormiĝo.

***Merkrede la 16-an de majo***

Tuttagaj ekskursoj permesis, laŭ antaŭa elekto, viziti interesaĵojn de la sudbohemia. distrikto aŭ piediri tra valo de la rivero Lužnice laŭ malnova ŝosea ponto. Por ĉiuj, bela vetero permesis agrable ĝui tiun turisman tagon.

***Jaŭde la 17-an de majo***

Komence, s-ro Lazar Karakaŝev prezentis filmon pri la venonta kongresloko "Plovdiv", kaj informis nin pri diversaj praktikaj aferoj.



*s-ro Karakaŝev*

Poste, alvenis fakaj sciigoj temantaj pri :

- *Eksteraj kostoj de trafiko* de Gvozden Sredić (YU)
- *Rekonstruo de fervojaj koridoroj en Ĉeĥa respubliko* de Jindřich Tomíšek (CZ)
- *Apliko de lumoondokondukiloj por telekomunikado, sekurigaj instalaĵoj kaj teleregado ĉe la Aŭstraj Ŝtataj Fervojoj* de Herbert Sonntag (AT)
- *Translima trafiko per "Egronet"* de Heinz Hoffmann (DE)
- *Ŝprucigpentrantoj kaŭzas al la Ĉeĥaj Fervojoj multmilionajn damaĝojn* de Jindřich Tomíšek (CZ)
- *Bonaj trajnoj por ĉiuj* de Henning Olsen (DK)
- *Olomouc - rekonstruo de la antaŭstacidoma spaco* de Zdeněk Polák (CZ) kaj Ladislav Láni (CZ).

Posttagmeze la duontaga ekskurso al Bechyně okazis en la formo de nostalgia veturo per malnova elektra motorvagono.



*Ekskurso al Bechyně*

Sekvis invito ĉe la urbestro por ĉirkaŭ 80 partoprenantoj . La akcepto okazis en bela gotika salono ornamita per monumentaj statuoj.

Vespere, ludis kaj dancis por la kongresanoj la ensemblo de kantoj kaj dancoj Úsvit (Tagiĝo). Post la prezento de sudbohemia folkloro, ili ludis du kantojn en Esperanto kaj kundancigis kelkajn el la publiko.

***Vendrede la 18-an de majo***

Matene malgraŭ malbela vetero, en urbo České Budějovice, ni konatiĝis kun ĉasokastelo kaj ni promenis tra historia urbocentro. Krome, ni vizitis la muzeon de la unua ĉevalfervojo sur la eŭropa kontinento liganta České Budějovice al urbo Linz kaj tiamaniere la riverojn "Danubo" kaj "Vltava".

Tagmeze okazis la fermo de la kongreso kaj la transdono de la IFEF-flago al s-ro Lazar Karakaŝev LKK-prezidanto por la venonta IFK.



*Transdono de la flago al s-ro Karakaŝev*

*Teksto grandparte eltirata de la kongresa kuriero kun dankoj al la diversaj aŭtoroj*

***Kaj nun al Plovdiv por la 54-a IFEF-kongreso !!!***



# Salutvortoj de la prezidanto dum la solena malfermo (13/05/2001)

Estimataj Gastoj! Eminentuloj! Bravaj Organizantoj! Karaj Kongresanoj! Samideanoj kaj Kolegoj!

Ĝoje mi bonvenigas vin al nia 53-a Kongreso de IFEF.



*Pr. Romano Bolognesi dum solena malfermo*

Jam la duan fojon, nun en la unua jaro de la nova tria jarmilo, Ĉeĥio gastigas nian plej gravan manifestacion en sia teritorio. Post Olomouc (Norda Moravio) (1991), ĉi-jare estas la vico de la bela urbo Tábor (Suda Bohemio).

Jam, dum la antaŭkongreso en la ĉarma ĉefurbo Prago, dum la Kongreso, kaj sekve dum la Postkongreso en belega termokuracfonta regiono (Okcidenta Bohemio), ni esploris kaj respektive esploros aliajn trezorojn de lando en la koro de Eŭropo, kiu travivas vastajn ekonomiajn kaj sociajn ŝanĝojn.

Bela kaj bone kultivita regiono kaj gastamaj loĝantoj certe sentigos nin tre bonfarte kaj ni ĝue vivos la pejzaĝojn kaj la lokan kulturon. La abundaj historiaĵoj kaj modernaĵoj de Tábor, urbo kiu donis ekzemplojn de religia fiereca aŭtonomio, montros sian fascinon en neforgesebla maniero. Ĝi ne estas tro vasta, verŝajne ĝuste taŭga por nia manifestacio, kies preparoj konvinke tuj kaptis la atenton de la urbestraro kaj eble altiros tiun de la loĝantaro. La tre moderna hotelo-kongresejo Palcát, aliaj gastigaj loĝejoj kaj bonaj restoracioj kontentigos ĉiajn gustojn.

Tamen, vi scias, ke mi ĉiam plej ŝatas substreki la homajn rilatojn, t.e. ke, krom pri la cirkonstancaj aspektoj, niaj kongresoj estas gravaj ĉar ili estas ne anstataŭeblaj eroj de nia tipa internacia sociala vivo, en kiuj la apartaj personecoj de la partoprenantoj trovas, aŭ devus trovi, la atenditajn kontentigojn.

La kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono kun la fakaj aranĝoj, signas la progreson de nia organizita agado, montras nian laborkapablon kaj niajn adaptiĝojn kaj kontribuojn al la rapide evoluantaj fervojaj teknikoj. Do, ni devas por, pro kaj per tio maksimume kunlabori kaj samtempe profiti la okazon.

La IFK estas ankaŭ forumoj malfermitaj al ĉiuj, kiujn ni utiligas kaj eĉ pli multe ni devas utiligi por demokrate esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi opiniojn je internacia nivelo kaj maniero.

Oni ne forgesu ke la esenca kondiĉo, por ke ĉio ĉi povu bone efektiviĝi kaj funkcii, estas ankoraŭ foje danke al la uzado de komuna lingvo, kiu perfekte ebligas al homoj el la plej malproksimaj landoj kaj malsimilaj kulturoj kunligiĝi je ĉiu nivelo, sed je la plej alta nivelo. Ni fervojistoj esperantistoj jam brile pruvis tion, ĉefe en niaj plej grandaj jaraj aranĝoj, en la pasintaj 52 kongresoj, kaj

ankoraŭfoje, per tiu tre praktika mirinda rimedo kiel estas Esperanto, sen tradukaj aparataroj, ni montros la plej bonan manieron internaciskale komuniki.

Ni memoru, ke Ĉeĥio rolis tre grave por nia movado jam en la fruaj jaroj de la pasinta jarcento kaj en la jaroj post la unua mondmilito, kiam olomoucaj kaj pragaj kolegoj kapablis reorganizi kursojn kaj finfine en 1921 sukcesis restarigi internacian agadon inter fervojistoj sub la nomo "Internacia Asocio de la Esperantistoj-Fervojistoj" (IAEF). Inter ili menciindas la kolegoj Josef Blažek kaj Josef Řebiček.

La sekva periodo estis tute malfeliĉa por ĉiuj, tamen por la lokaj esperantistoj la malfacilaj tempoj estis eĉ pli longaj. Sed, en la sesdekaj jaroj, fine venis renaskiĝo. Nia Federacio agnoskis la mensajn strebojn kaj la suferojn : Jaromir Řebiček, Jaroslav Babička kaj Jaroslav (Slava) David fariĝis IFEF-Honoraj Membroj.

La nuntempajn aktivulojn oni ne necesas nomi; vi ĉiuj konas ilin, pro iliaj gravaj agadoj, ĉefe en la Komitato kaj en la Faka Komisiono. Ĉi tie vi certe havos la okazon aplaŭdi al ili.

Daŭraj kaj bonaj estas la kontaktoj kaj kunlaboroj kun la Ĝeneraldirekcio de *ČD* (Ĉeĥaj Fervojoj) en Prago, kie oni rigardas favore al Esperanto. Estas ankaŭ grave kaj fiere substreki, ke en 1992, danke al la klopodoj de la fervojistoj esperantistoj, estiĝis landa sekcio de FISAIC en la teritorio de la tiama Ĉeĥoslovakio.

Tiu-ĉi kongreso, nombriĝas kiel la 53-a de nia Federacio, sperte organizita de kapabla skipo de kolegoj, estrata de nia kara amiko Petro Chrdle, eksfervojisto, eksgvidanto de IFEF-Komisiono, nun UEA-estrarano pri faka agado kaj lerta entreprenisto, kiu certe sukcesos kontentigi ĉiujn atendojn pri profesiaj, kulturaj kaj turismaj aranĝoj.

La IFEF-estraro tuj volonte akceptis la proponon kaj rekomendis pri partopreno. Pro tio, nome de nia Federacio mi kore dankas la ĉeĥajn amikojn pro la alpreno sur sin de grava kaj laboriga tasko kaj pro la invito al Tábor. Mi estas tute konvinkita, ke la kongresanaro ĝuos belegajn tagojn en Ĉeĥio.

Ĉar niaj kunvenoj estas kunvenoj de pacamaj homoj, oni ne povas ne konstati ke, tre bedaŭrinde, ankoraŭ en tro multaj lokoj en la mondo okazas teruraj malagrablaĵoj. La balkana regiono estas ankoraŭ loko tre maltrankvila kaj laŭborde de la orienta Mediteraneo estas ĉiutaga milito kaj teroraĵoj, same kiel en la kaŭkazaj regionoj.

Ni simplaj homoj havas nenian povon kontraŭ tio. Tamen ni estas tre konvinkitaj, ke la idealaj valoroj de la esperantismo ĉiam estas validaj kaj kapablaj doni modelan ekzemplon por pli favora interkompreniĝo kaj toleremo, senkonsidere de la apartaj homaj karakterizoj.

Eble vi scias ke antaŭ nelonge en Belgio okazis fervoja akcidento, ŝajne kaŭzita de ne kompreno inter staciestroj.

Televidoj kaj ĵurnaloj ĝuste tre emfazis la aferon, aperigante artikolojn kaj leterojn de legantoj, kiel la sekvan, kiun mi parte citas.

*"Du staciestroj de apudaj, sed diverslingvaj urboj, flandra kaj valona, ne*

*komprenas aŭ ne volas kompreni la lingvon unu de la alia. Unu el ili abrupte interrompas helppetantan konversacion pro nekompreno, kaj tiel li ellasas, ke du trajnoj kunpuŝiĝas : ok mortintoj kaj. multaj vunditoj."*

La leganto sin demandas kaj publike demandas: "*Ĉu estas tiu-ĉi la ekzemplo de Bruselo (t.e. de la Eŭropa Komunumo) ? Ĉu oni povas kun plenfido vojaĝi per eŭropaj trajnoj je tiuj kondiĉoj? Kio okazus se ĉiuj staciestroj agus tiel?*

*Kaj multaj "politikaj moŝtoj" (malkleraj, aŭ eĉ malplibone...) volus devigi al ĉiuj la uzadon de la angla, aŭ faras nenion por eviti tiun faktan altrudon.*

*Jen, klare montriĝas per travivaĵoj, ke lingvo neŭtrale internacia estas nepre necesa por la komunikado inter eŭropanoj. Tiu povus esti Esperanto.*

*Ekzistas jam de multaj jaroj asocio de fervojistoj esperantistoj kaj kompleta fervoja terminaro en Esperanto kaj en multaj aliaj lingvoj.*

*Se la eŭropaj fervojoj jam estis adoptintaj tiun-ĉi lingvon, la katastrofon en Belgio eble oni povis eviti, kaj tio validas ankaŭ por la estonto.*

*Do, lingvo internacie neŭtrala kiel Esperanto utilus por savi vivojn, interesojn kaj dignojn de la europanoj."*

La verkinto ne estas konata, nur eble li estas aktiva esperantisto.

Tiuj informoj, kiuj favore tuŝas ankaŭ niajn kategorion kaj agadon, havis vastan eĥon inter la popolo, sed ĉion, ankaŭ tiujn gravaĵojn, facile oni forgesas. Tamen, ni devas uzi ĉi tiun ekzemplon por nia propagando, klopodante konvinki la homojn, kiujn ni kontaktas, pri la praveco de nia propono.

Ni fervojistoj esperantistoj, jam de longe, ne plu dubas pri la perfekta uzebleco kaj eĉ supereco de Esperanto por ĉiuj plej altaj homaj celoj, kaj pro tio ni ne devas timi daŭre persisti en nia agado, esperplene, kuraĝplene kaj tre firme, kontraŭ ĉiuj nekomprenoj al ni kaj ĉiuj malfacilaĵoj. Ni certas, kiel d-ro Zamenhof certis, ke iam la homoj konvinkiĝos adopti pli bonajn manierojn interrilati, vivi, pace kaj frate.

Estas en ĉi-tiu spirito, ke niaj antaŭuloj agadis, kaj ni daŭre devas agadi organizante kunvenojn, naciajn kaj internaciajn kongresojn, kiuj rolas tre grave kiel okazoj por disvolvi organizajn kaj sociajn rilatojn.

Dum la kunsidoj de la Komitato, de la Komisiono kaj dum la fakaj kaj distraj programeroj, ni devas doni kaj ricevi la maksimuman kunlaboron kaj samtempe profiti por kreski lingve kaj home.

En ĉi-tiu spirito ni vivu la venontajn tagojn, kaj ni ĉiuj estu kiel eble plej multe malfermitaj al aliaj vidpunktoj, al aliaj ideoj, tolereme kaj eĉ danke pro tio.

En ĉi-tiu spirito mi deziras, ke ankaŭ nia 53-a Kongreso en Tábor estu por ĉiuj morale kaj materiale plensukcesa.

Per ĉi-tiuj vortoj, mi deklaras malfermita la kongreson.

Romano BOLOGNESI




# INVITILO

**Al la 54-a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto Federacio en Plovdiv (Bulgario)**
**(De la 1-a ĝis la 7-a de junio 2002)**

**ESTIMATAJ GESAMIDEANOJ**

La bulgaraj fervojistoj esperantistoj tutkore invitas vin partopreni la 54an kongreson de IFEF okazontan de la 1-a ĝis 7-a de junio 2002 en la belega antikva urbo Plovdiv (Bulgario). Plovdiv situas je 156 km sudoriente de Sofio, centre de la "Trakia valo". La urbo situas sur 7 montetoj.

Bulgario, por la tria fojo, estos dommastro de IFEF-kongreso. La pli malnovaj esperantistoj, kiuj vizitis la du kongresojn en Varna en 1968, en la turisma komplekso "Suna bordo" en 1984, kun multnombraj partoprenantoj, agrable memoras la travivitajn tagojn en Bulgario.

Ni esperas, ke ankaŭ ĉifoje ni sukcesos kaj vi restos kontentaj pro nia gastamo. Ni atendas vin senpacience.

**BONVENON EN PLOVDIV !**

**IOM PRI LA KONGRESLANDO BULGARIO**

Nia lando, Respubliko Bulgario troviĝas en la sudorienta parto de Eŭropo, sur Balkana duoninsulo. La teritorio estas relative malgranda -111 000 kvadrataj kilometroj sed kun eksklusive varia reliefo (1/3 de la tersurfaco estas montara), kio havigas riĉan eblecon por turismo. Bulgario havas 8 000 000 loĝantojn. Ĝi estis fondita en la jaro 681. En sia disvolviĝo kaj konfirmado ĝi travivis malfacilaĵojn, plagan epokon kaj ekonomiajn dekadencojn. Ĝi ankaŭ havas glorajn periodojn kaj kristaniĝon ekde la jaro 865, Oran jarcenton de bulgara literaturo dum la 10-a jarcento, Renesancon, disvolviĝon de kulturo kaj klereco, glorajn batalojn kontraŭ la fremdaj sklavigantoj k.t.p.

La naturo de Bulgario estas varia kaj belega. Ekzistas koniferaj kaj larĝfoliaj arbaroj, multaj montaroj kaj lagoj, ebenaĵoj kun arbĝardenoj, vinberĝardenoj kaj rozo-valoj. Sennombraj estas la mineralakvaj fontoj kun banejoj kaj ripozdomoj. La lazura Nigra Maro proponas famkonatajn plaĝojn kaj marajn kuraclokojn. La klimato estas modere kontinenta kaj sub mediteranea influo en sudaj regionoj. La montara klimato regas super alteco de 900 -1000 m-oj. Apud la Nigra Maro la klimato estas mola. Brile esprimitaj estas la kvar sezonoj : milda kaj varma somere kaj aŭtune, vintre la montaroj kovritaj de neĝo allogas multnombrajn bulgarajn kaj fremdlandajn turistojn.

**Adreso de LKK :**
54-a kongreso de IFEF
Centrala poŝto, poŝtkesto : 455
4000 - Plovdiv, Bulgario
Tel: +359 32 26 79 12, +359 32 44 14 37 ; Fakso : +3592 987 45 41
Retadreso : bdz-intrel@bbf.bg

**Kongresa bankkonto :**
Per SWIFT : BPBIBGSF, Bulgarian Post Bank, Sofia, Bulgaria
branch : Plovdiv-9207 9240 ;
konto N : 44962 88210 Lazar Karaŝev

Postkongreso en Bulgario (08-a / 11-a de junio 2002)
Ĝi okazos en urbo Nesebar situanta sur duoninsulo ĉe la Nigra Maro.

# Raporto de la kasisto por la jaro 2000

| IFEF-bilanco je la 31.12.2000 | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aktivoj | | | | | Pasivoj | | | |
| | CHF | DKK | DKK | Eŭro | | DKK | DKK | Eŭro |
| Kaso | | | (1 520,64) | (204,30) | Kongresa garantia fonduso | | 139,77 | 18,78 |
| Ĝiro 1258036 | | 13 999,99 | | | Junulara fonduso | | 3 730,40 | 501,18 |
| Ĝiro 85-4110-5 | 35,69 | 170,24 | 14 170,23 | 1 903,78 | Adopta fonduso | | 450,00 | 60,46 |
| Thurgau.kant.B | 19,70 | 93,97 | | | Terminara fonduso | | 716,10 | 96,21 |
| D Danske Bank | | 325,00 | 418,97 | 56,29 | Estrara fonduso | | 25 685,14 | 3 450,82 |
| UEA | | | | 1 023,12 | Havajo 1.1.2000. | (13 863,03) | | |
| Inventaro | | | 2781,55 | 373,70 | Plielspezoj | (1 008,27) | | |
| | | | | | Havajo 31.12.2000. | | (14 871,30) | (1 997,97) |
| **Bilanco** | | | **15 850,11** | **2 129,48** | | | **15 850,11** | **2 129,48** |

| IFEF-jarkalkulo 2000 | | | | | 1.1. - 31.12.2000 |
|---|---|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **DKK** | **Eŭro** | **Elspezoj** | **DKK** | **Eŭro** |
| Kotizoj | 41 336,34 | 5 560,82 | Internacia Fervojisto | 27 196,39 | 3 658,63 |
| Adopta fonduso | 695,40 | 93,55 | Estraro | 3 237,25 | 435,49 |
| Junulara fonduso | | 0,00 | Administrado | 3 993,37 | 537,21 |
| estrara fonduso | 2 705,85 | 364,01 | Reprezentado | 284,25 | 38,24 |
| Rentoj | 13,65 | 1,84 | Diversaj | 7 647,00 | 1 028,72 |
| Diversaj | | 0,00 | Fondusoj | 3 401,25 | 457,56 |
| Sumo | | 0,00 | | | 0,00 |
| Plielspezoj | 1 008,27 | 135,64 | Plienspezoj | | 0,00 |
| **Sumo** | **45 759,51** | **6 155,85** | | **45 759,51** | **6 155,85** |

# Raporto de la sekretario de terminara sekcio

Plej raportinda estas la fundamenta trakto de bazaj nocioj pri fervojaj veturiloj fare de kolektivo ĉe Internacia Fervoj-unio UIC, en kiu IFEF estas samrajta kaj samdeva membro. La pasintjare fondita laborgrupo "Maŝin-Tekniko 40" ĝis nun dufoje kunsidis - septembre en Frankfurto (ĉe Majno) kaj januare en Parizo. Labor-celo estis kreo de modela terminaro laŭ internacie validaj normigreguloj. Unua paŝo koncernas nur bazajn nociojn pri fervojaj veturiloj. La ĉefa laborbazo estis kaj germana kaj franca oficialaj normoj pri veturilnocioj. Komparo inter ambaŭ normoj montris tre abundajn diferencojn en la faka pensmaniero por dividi la realon en ĉefajn specojn.

Laŭ la taskoj en Terminara Kuriero 112, pluraj kunlaborantoj kontribuis al la laboro per esploroj en siaj naciaj lingvoj. Mi nomas la kolegojn Emil Tudorache, Jan Werner, Ludoviko Sekereŝ, Jaroslav David kaj la danan grupon. Kontraste al la diferencoj inter la franca kaj germana faklingvoj, la respondoj montris similecon ĝis egaleco inter la ĉeĥa, dana, germana, hungara, kroata, rumana, serba, slovena kaj slovaka lingvoj. Certe la kolektivo "MT40" trovos bonan solvon por ebligi klarajn komparojn kaj tradukeblojn inter ĉiuj faklingvoj.


D-ro Heinz Hoffmann

Konsciiĝu, ke nia komuna laboro kun Internacia Fervoj-unio ne nur servas al ni esperantistoj per Esperanto-tradukoj, sed ankaŭ helpas trovi solvojn por sufiĉe bona tradukado de fervojaj fakesprimoj inter ĉiuj lingvoj, do por paŝon post paŝo venki la ĝisnunan ĥaoson. Tio certe eblas, pro niaj internaciaj fakaj kontaktoj per logika lingvo, kaj pro nia planlingva laborstrategio - pli bone ol fare de nuraj nacilingvanoj.

Heinz Hoffmann

# Resumo de la prelegoj okazintaj en Tábor

## La Ĉefprelego

### *Moderna sekuriga kaj komunikada tekniko de Ĉeĥaj Fervojoj*

Ladislav Kovář (CZ)

Ĉeĥaj fervojoj komencis en la jaro 1993 rekonstrui ĉefajn fervojkoridorojn de sia reto. La rekonstruo daŭras plu kaj nuntempa stato prezentas parton de ĉirkaŭ 270 km-oj de la 1-a koridoro de *Břeclav* trans *Brno, Česĥá Trebová, Praha* ĝis *Děčin-ŝtatlimo* kaj ĉirkaŭ 78 km-oj el *Břeclav* al *Otrokovice* sur la 2-a koridoro. Tria koridoro estas jam rekonstruita sur 57-kilometroj.

Intensivaj rekonstruaj laboroj prezentas ne nur rekonstruon de fervojlinia strukturo kaj superstrukturo sed ankaŭ sekurigajn kaj telekomunikadajn instalaĵojn. Rigardante ĉi tiun parton el vidpunkto de la investitaj monrimedoj, ili estas nur malgranda parto de la entute uzita monsumo.

Tamen, ĝi prezentas la plej gravan modernigon de ĉi tiu parto de fervoja infra-

strukturo en moderna tempo-periodo de la Ĉeĥaj fervojoj post la dua mondmilito. La celo estas, kiel eble plej rapide fini la rekonstruon kaj ekipi la rekonstruitajn fervojliniojn per la plej moderna instalaĵo, kiu ebligus rapidecon de 100 km-oj hore. Tiamaniere eblos envicigi la ĉeĥan fervojreton en sistemon de eŭropa trafiko kun ĉiuj avantaĝoj al tio ligitaj.

La nove instalitaj sekurigaj kaj komunikadaj instalaĵoj prezentas novajn modernajn duonelektronikajn kaj elektronikajn trakregejojn, bloksistemojn ,kaj trakpasejajn instalaĵojn, pli modernajn rimedojn por interkompreniĝo de la dejorlaŭtorantoj, modernajn sistemojn por informado de vojaĝantoj, modernajn horloĝsistemojn kun centra sinkronizado pere de radiosignalo kaj multaj aliaj. Samtempe, kun rekonstruo de la linio, estas instalitaj lumkondukilaj kabloj por facile transprenadi pli kaj pli grandajn amasojn da fundamentoj necesaj por kvalita kaj moderna funkciado de la fervojo.

En la prelego estas envicigitaj gravaj teknikaj informoj pri la sekurigaj kaj komunikadaj instalaĵoj instalitaj sur la koridoroj - ekzemple duonelektronikaj kaj elektronikaj trakregejaj sistemoj de firmaoj AŽD Praha s.r.o. kaj STARMON s.r.o., aŭtomataj liniaj bloksistemoj de klasika t. s. relajsa tekniko kaj elektronikaj, plus trakpasejaj elektronikaj sekurigaj instalaĵoj de firmao AŽD Praha s.r.o, SIEMENS kaj aliaj.

La menciitajn sistemojn kompletigas ankaŭ diagnostikaj instalaĵoj, kiuj aperis en fervojtrafiko antaŭ nelonge. Uzado de ĉi tiuj sistemoj estas kunligita kun aplikado de mikroelektronikaj elementoj kaj klopodoj atingi pli kvalitan bontenadon de la ekzistantaj sekurigaj instalaĵoj kaj eĉ novaj modernaj sistemoj. Inter ili estas prezentitaj sistemoj de diversaj firmaoj.

**************

**Mallongaj prelegoj**

***Eksteraj kostoj de trafiko***

Gvozden Sredić (YU)

La artikolo prezentas rezulton de studo farita de firmao *Infras* el *Zurich* kaj Universitato de *Karlsruhe* kun celo plibonigi ĝeneralajn sciojn pri influo de trafikaj aktivecoj de ĉiuj trafikfakoj sur la vivmedio kaj esprimi ĉi tiun influon en socio-ekonomiaj kondiĉoj.

La studo prezentas tute sen iu hezito, kiu tipo de trafiko estas la plej multekosta el vidpunkto de eksteraj kostoj kaj kiu, male, estas la plej favora. La fervoja trafiko estas tiu, kiu donas ŝancon malaltigi eksterajn kostojn kaj favore konduti koncerne la vivmedion.

***Rekonstruo de fervojaj koridoroj en Ĉeĥa respubliko.***

Jindřich Tomíšek (CZ)

Fervojaj koridoroj estas en Ĉeĥa respubliko ofte frekventata temo. En la prelego estas detale priskribitaj sociaj kaj ekonomiaj motivoj, kiuj kaŭzis tiel grandan rekonstruon de ŝtata fervojreto. La teksto estas kompletigita per detalaj informoj pri la 4-a fervoja koridoro en Ĉeĥa respubliko.

***Apliko de lumo-ondokondukiloj por telekomunikado, sekurigaj instalaĵoj kaj teleregado ĉe la Aŭstriaj Ŝtataj Fervojoj (ÖBB)***

Herbert Sonntag (AT)

Lumo-ondokondukiloj ofte ankaŭ nomitaj "vitrofibroj" ebligas la rapidan transsendon de amasoj da fudamentoj preskaŭ sen malgajnoj de forteco kaj de kvalito.

Teknika bazo de la transsendo estas la transformado de lingvaj komunikoj

(ekzemple telefono), bildoj (ekzemple televido), fundametoj k.t.p. en diĝitan formaton. Ĉi tiuj rezultoj estas realigitaj per laserproduktitaj lumofulmoj, kiujn transportas lumo-ondokondukiloj al la fino de la transsenda distanco, kie taŭgaj instalaĵoj retransformas la alvenitajn lumofulmojn en la originajn lingvajn komunikojn, bildojn kaj informojn aŭ fundamentojn.

La prelego traktas historion kaj teknikan realigadon en ĝenerale komprenebla formo, kaj la aplikon de ĉi tiu moderna tekniko por telekomunikado, sekurigaj instalaĵoj kaj teleregado ĉe la Aŭstriaj Ŝtataj Fervojoj.

### *Ŝprucigpentrantoj kaŭzas al Ĉeĥaj Fervojoj multmilionajn damaĝojn*

Jindřich Tomíšek (CZ)

Fenomeno de la fino de la pasinta jarcento ankaŭ daŭras en la jarcento nova. Iuj opinias belaj la ŝprucigpentraĵojn sur domoj, konstruaĵoj, veturiloj ktp. Ĉeĥaj Fervojoj malfacile batalas kontraŭ nedezirataj artistoj, kiuj damaĝas ne nur originan protektlakaĵon, sed ankaŭ gravan indikon sur vagonoj kaj veturiloj, kio influas sekurecon de fervojtrafiko. La kostoj okazigitaj per ĉi tiu agado estas dumjare kompareblaj kun elspezoj por purigado kaj provizado de veturiloj.

### *Bonaj trajnoj por ĉiuj*

H enning Olsen (DK)

Post nuligo de la decido pri kreado de grandrapidaj trajnoj en Danio, estiĝis alia decido, nome provizi la vojaĝantojn per pli multaj, pli komfortaj kaj iom pli rapidaj trajnoj. La slogano estas "Bonaj trajnoj por ĉiuj".

Dum la periodo 2001 - 2006 oni ŝtupe akiros (aĉete aŭ lue) pli komfortajn trajnojn, trafikigos ilin laŭgrade sur la linioj ĝis nun malplej zorgataj, pligrandigos la rapidon kaj enkondukos kadenco-horaron.

La investadon oni solvos per ŝtate garantiitaj pruntoj.

### *Olomouc -rekonstruo de la antaŭstacidoma spaco*

Zdeněk Polák (CZ) - Ladislav Láni (CZ)

La stacidomo en Olomouc atingas pli kaj pli gravan rolon en la kadro de la urbo. Rilate la ekeston de la regiona Administra organizo en Ĉeĥa Respubliko kaj la lokigon de la regiona sidejo en Olomouc antaŭ la stacidomo en la konstruaĵon siatempe fervojistan poliklinikon, la urba konsilantaro decidis rekonstrui la tutan parton de stratoj, tramhaltejoj kaj vojoj por piedirantoj antaŭ la stacidomo. Tiamaniere oni solvos trafikproblemojn en la ofte uzata kaj danĝera loko, kie koncentriĝas multaj vojaĝantoj kaj vizitantoj de la regiona urbo.

### *Klasifiko en terminologia procedo.*

Jan Werner (CZ)

Sen ordigo de kolektitaj nocioj de prilaborata subfako, ne estas eble veni al fidinda terminaro. Fari ordon en la aro da nocioj/terminoj signifas trovi rilatojn inter ili kaj juĝi ilin laŭ faka specifo. La klasifiko mem estas la plej grava procedo gvidanta al nocio-sistemo, bazo por serĉado de adekvataj sistemaj terminoj. Ellaboro de nocio-sistemo neniam konsistas en rekta traduko de unu nocio-sistemo el alia lingvo, inkluzive primitivan tradukon de alilingvaj tradukoj.

**Rumana Fervojista Esperanto Asocio**
invitas vin al
43-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO
en urbo PREDEAL
(16-a / 23-a de februaro 2002)

**Aliĝkotizo :** ĝis 15-a de oktobro - 12 Eŭroj
poste ĝis 15-a de decembro - 15 Eŭroj
*Noto :* Aliĝilo valoros post alveno de pago
**Tranoktado :** (prezo por unu persono kaj por unu nokto)
- en hotelo en 2-lita ĉambro : 20 Eŭroj
- ĉe privatulo : 13 Eŭroj

**Manĝado**
- trifoje ĉiutage : 13 Eŭroj
- dufoje ĉiutage (matene kaj vespere) : 8 Eŭroj

**Programo**
Kutimaj aranĝoj dum skisemajno / maskobalo / lingva konkurso kaj promenadoj, ekskursoj ktp. por neskiantoj.
**Trafiko**
Ĉiuj trajnoj al Bukaresto haltas en urbo Predeal
**Aliĝilo kaj pago**
Sendu antaŭ la limdato al :
R.E.F.A. , str. Politehnicii n° 1, 2200 BRASOV, Rumanio

****************************************************************

**ALIĜILO**
43-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno
Predeal en Rumanio (16-a / 23-a de februaro 2002)

Familia nomo : ....................................Persona nomo : ..........................................
Adreso : ...............................................Urbo : ........................................................
Poŝta kodo : ........................................ Lando : ...................................................
Mi volas tranokti : en hotelo ☐
ĉe privatulo ☐
Mi deziras manĝi : trifoje en ĉiu tago ☐
dufoje en ĉiu tago ☐

**Mi pagas :**
Aliĝkotizon .... Eŭroj
Tranoktadon .... Eŭroj
Manĝadon .... Eŭroj
Entute ..................

Mi havas propran asekuron por skiado kaj partoprenas la aranĝon je mia propra risko.

Dato : .................................. Subskribo : ............................................

# La Granda Esperanta / Germana Vortaro

Krause, Erich - Dieter (1999) : Groĝes Wörterbuch Esperanto-Deutsch. Hamburg : Helmut Buske Verlag, IVX + 882 p., ISBN 3-87548-193-3, fortika bindaĵo, 19x12 cm.

La ĝis nun supozeble plej granda iam ajn eldonita vortaro Esperanto-nacia lingvo aperis en 1999. La prestiĝa lingvistiko aperigis la vortaregon. La 882-paĝa, klarlitere kaj dense presita vortaro enhavas pli ol 80 000 artikolojn kaj lingvajn esprimojn en Esperanto kun iliaj germanaj ekvivalentoj. La vortaro havas dulingvajn antaŭparolojn (germanan, Esperantan), instrukciojn pri la uzo de la vortaro, listojn de mallongigoj kaj uzita literaturo. La lingva materialo konsiderinde superas tiun de la Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (PIV).

Mi faris nur tute supraĵajn unuajn komparojn kaj rigardis la kvanton de la registritaj vortkunmetaĵoj ĉe Krause kaj en PIV :

| | PIV (1970) | Krause (1999) |
|---|---|---|
| akvo | 34 | 99 |
| infano | 19 | 37 |
| mano | 26 | 56 |
| labori | 46 | 82 |
| lerni | 24 | 27 |
| tiri | 41 | 43 |
| fabla | 4 | 6 |
| granda | 24 | 43 |
| nova | 15 | 29 |

La Vortaro ne nur registras la ĉiutagan lingvon, sed ankaŭ prezentas multan faklingvan materialon el plej diversaj sciencaj kampoj. La vortaro sendube ankaŭ estas utilega por nekonantoj de la germana lingvo.

Ĉiu serioza germana esperantisto devus posedi tian vortaron, se li/ŝi vere volas kiom eble plene eluzi kaj majstri la lingvon.

La aŭtoro estas unu el la malmultaj profesie trejnitaj leksikografoj, el kiuj disponas la esperanta lingvo-komunumo. Li estis profesoro pri indonezia lingvo ĉe la Universitato de Leipzig, li membras en la Akademio de Esperanto.

Li verkis i.a. ampleksan vortaron "Germana- Esperanto" kun pli ol 40 000 artikolvortoj, kiu haveblas ĉe la eldonejo Langenscheidt, grandajn vortarojn por la indonezia lingvo. La du malgrandaj vortaroj Esperanto-Germana kaj Germana-Esperanto aperis kunbinditaj same ĉe Langenscheidt kiel "Kompaktwörterbuch".

La nova libro estos havebla kontraŭ ĉirkaŭ 78 markoj (ĉ. 39 eŭroj) ĉe UEA aŭ aliaj libroservoj. Oni ankaŭ povas rekte mendi ĉe la eldonejo, kiu liveras en ĉiujn angulojn de la mondo :

Helmut Buske Verlag, Richardstr. 47, DE-22081 Hamburg,
tel. +49-40-299958-0,
fakso: +49-40-299958-20
retadreso: buskepubl@aol.com

Detlev Blanke

*************

Gesellschaft für Interlinguistik e.V.
http://user.berlin.de/~gil.berlin

Detlev Blanke
Otto-Nagel-Str. 110
DE 12683 Berlin
Tel. 0049-30-54 12 6 33
Fax 0049-30-54 56 7 42
Retadreso : blanke.gil@snafu.de

**INTERNACIA FERVOJISTO**
53-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso :
lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@matavnet.hu

**Sekretario** : Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb

**Kasisto** : Henning Hauge
Esperanto-Nord
Am Ostersielzug 6
DE-25840 Friedrichstadt.
Tel : + 49 488 193 78 80
Retadreso :
Esperanto-Nord@web.de

**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1378 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/afce.htm

VIG. 2001. 372



## TGV-mediteraneo

### *TGV 531 sukcesis kaj starigis rekordon*

Du semajnojn antaŭ la ekfunkcio de la linio Parizo al Marsejlo, TGV 531 trakuris tutan Francion de Calais al Marsejlo (1 067,2 km-ojn) en 3h29 kun meza rapido de 306,36 km/hore.

Ekde la 10-a de junio vojaĝo de Parizo al Marsejlo fariĝos en 3 horoj per normalaj TGV-oj.

### Kongreso de Pola Esperanto-Asocio

Ĝi okazos de la 21-a ĝis la 23-a de septembro en urbo Malbork. Antaŭkongreso ankaŭ estiĝos en Malbork de la17-a ĝis la 20-a de septembro.
Bonvolu peti la aliĝilojn al :
S-ro Mieczyslaw Pietrzykowski
Ul. 3 maja 25/31
80 - 802 Gdansk (Pollando)

## *18-A INTERNACIA FESTIVALO*
## *27 dec 2001 - 3 jan 2002*

***kun plilongiga ebleco ĝis la 4-a de januaro 2002***

*La plej fama aranĝo por familioj kaj personoj 25 - 55 jaraĝaj en germana MAGDEBURG atendas vian viziton.*

**Internacia Festivalo (IF)** prezentas specifan programon por mezaĝuloj ("dua generacio") kaj junaj familioj kun aŭ sen infanoj. IF okazas sub profesinivela gvido kaj kunvenigas ĉiujare ĉ. 200 personojn.
Por pliaj informoj, sin turni al : Hans-Dieter PLATZ
Postfach 1148 DE-34 303 NIEDENSTEIN (Germanio)
Tel /fakso : 05624-8007 Poŝtelefono : 0171-4964558
(internacia : +49 sen komenca 0)
Retadreso : HDP@internacia-festivalo.de

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro